**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

**ENHAVO**

La kovrilo: Supera Lernejo por Min-inĝenieroj. Kongresejo de la 47a Hispana Kongreso de Esperanto.

47a Hispana Kongreso . . . . . . . . . . . 3
Artaj Kaj Sciencaj horoj . . . . . . . . . . 9
Kiel Kongresi? . . . . . . . . . . . . . . . . 11
Gast-Parolado de William Auld . . . . . 13
La kolombianoj fariĝas kolumboj . . . 25
Rezolucioj de la 47a H.K.E. . . . . . . . . 27

Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2º 4º
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO
kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35, 4º
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3º P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
Julio Herrero
Nontecorto 9, 3º 16ª
29014 MALAGA

# 47a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO
# 1987 Jubilea Jaro

En Madrido, de la 16a ĝis 20a de aprilo, malvolviĝis la ĉi-jara Hispana Kongreso de Esperanto en la Jubilea jaro 1987.

Partoprenis ĝin 340 gesamideanoj, el kiuj 40 eksterlandanoj, kaj la sidejo de la Kongreso estis la "Escuela Técnica Superior de Ingenieros de Minas", monumenta konstruaĵo.

**Ĵaŭdon.** La Kongreso komenciĝis per disdonado de dokumentoj. Posttagmeze, opa promenado en la historia centro de Madrido. Reveninte el la promenado, Hispana Esperanto-Junulara Societo (HEJS) sin prezentis. Georgo Kamaĉo reliefigis la eksteran agadon de la junulara asocio, kiu propagandis Esperanton en ĉiuj junulaj rondoj kaj samtempe, agis interne por la lingva disvastigado, ĝia perfektiĝo kaj la kreado de organizo. Li insistis pri la apogo al la junularo, ĉar male, la movado finiĝos. Pri la organizo de la junularo li enfazis, ke HEJS sin organizas laŭ la aŭtonomaj komunumoj. La nunaj sekcioj de HEJS estas: Junaj verkistoj, Scienca aplikado, kaj komputer-amantoj por Esperanto. Fine okazis la prezentado de la libro Pandemonio, kun verkoj de junaj aŭtoroj.

Kiel lasta ero de la ĵaŭdo okazis la interkona vespero, kiu estis vigligita per la "sangría", kies vino estis donacita de la Esperantista Grupo de Cheste.

**Vendrede** en la mateno okazis la Oficiala Malfermo. Unue salutis s-ro Augusto Casquero nome de la LLK. Poste parolis s-ro S. Aragay, prezidanto de HEF, kiu dankis la instituciojn kaj aŭtoritatulojn, kiuj patronis kaj helpis la Kongreson, la LKK-n pri ĝia klopodado, la gastinvititon s-ron William Auld, la membrojn de la bulgara teatro, kaj la gekongresanojn, kaj deklaris oficiale malfermita la Kongreson. S-ro S. Aragay bedaŭris la neeblan ĉeeston de la Prezidanto de UEA d-ro Humphey Tonkin kaj anstataŭe transdonis la parolon al s-ro Sumo Milojeviĉ, Ĝenerala Direktoro de la Centra Oficejo de UEA, kiu unue legis la leteron de Humphrey Tonkin. Ĝia teksto estas: **"Karaj Gekolegoj! Vere dolorigis min la neceso nuligi miajn planojn pri ĉeesto de la jubilea hispana Esperanto-kongreso en Madrido. Mi kun granda anticipo antaŭĝuis la renkontiĝon kun la hispana Esperanto-movado, kiu faris tra la jaroj tiel grandan kontribuon al Esperanto kaj UEA.**

**En la Jubilea Jaro gravas, ke ni pesu la sukcesojn kaj malsukcesojn de la unua jarcento de la Internacia Lingvo kaj planu la vojon tra la dua. En tiu unua jarcento, Esperanto plene pruvis sian vivkapablon. Ĝi fariĝis kompleta lingvo, utiligebla kaj utiligata en ĉiuj sferoj de la homa vivo, kaj parolata en ĉiuj anguloj de la mondo. Kreita de unu homo, la modesta doktoro Zamen-**



**Maldekstre:**
*Ĝenerala Sekretario de Universala Esperanto-Asocio s-ro Simo Milojeriĉ.*
*S-ro William Auld. Gast-parolanto de la 47a HKE Kaj s-ino Ada Fighiera, redaktorino de Heroldo de Esperanto.*

**hof, ĝi sukcese faris la transiron al plenrajta, fariĝante kreaĵo de kaj por la tuta homaro.**

**En la dua jarcento de Esperanto, necesas igi tiun plene sukcesan lingvon lingvo posedata de ĉiu homo. Necesas, do, ke Esperanto fariĝu ĝenerala uzata. Temas pri peza kaj malfacila, tamen farebla, tasko. Ĝuste pro la kompleteco de Esperanto, ĝuste pro la amplekso de ĝia kulturo kaj de la lingva socio, kiun ĝi kreas, ni foje forgesas, ke nia ĉefa tasko ne estas ĝui nian lingvon, sed konvinki aliajn lerni ĝin. Mi esperas ke en la venontaj jaroj ni redediĉos nin al la instruado kaj lernigado de Esperanto, plibonigante niajn lernilojn, enkondukante la lingvon en la lernejojn, starigante kursojn, instigante la homojn eklerni ĝin. Nur tiel ni sekurigos la estontecon.**

**Samtempe necesas renovigi niajn klopodojn disvastigi scion pri la lingvo per informa laboro, per partopreno en agado direktita eksteren, kaj per subteno de tia agado ĉe aliaj. Ni plene partoprenu la Movadon, sed ni koncentru niajn fortojn je la ekstera flanko de la agado: ni fariĝu varbantoj por nia Afero.**

**Partopreno, informado, instruado – jen la tri esencaj agadoj por sekurigi la estontecon de nia lingvo kaj certigi ĝian ĝeneraliĝon tra la tuta estonta socio.**

**Bonan sukceson al nia jubilea kongreso!"**

Post tiu legado s-ro Simo Milojeviĉ faris propran paroladon kaj diris: "Tre gravas plani la vojon por la dua jarcento. Esperanto jam pruvis sian taŭgecon kaj estas parolata en ĉiu angulo el la mondo. Nia ĉefa tasko estas

konigi Esperanton kaj ellerni ĝin, instigi la instruadon en la lernejoj kaj ni plene partoprenu en la movado, ni fariĝu varbantoj por certigi ĝian ĝeneraliĝon. Simo Milojeviĉ atestis pri sia esperanto-profesio kaj rakontis siajn oftajn vojaĝojn tra la mondo, en kiuj, li ne rimarkis pri nacieco, sed pri persona amikeco. Pri la Eŭropa Komunumo li diris, ke ĝi estas administra, sed ne kultura, ĝi estas komunumo de ŝtatoj. Esperanto estas komunumo de gentoj kaj vera paco."

Sekve salutis la Kongreson la eksterlandanaj esperantistoj. Intermeze estis muzikaj paŭzoj fare de la gitara koncertistino Laŭra Carballo Rojas, kiu majstre ludis la instrumenton.

**Sabate** en la mateno okazis la Ĝenerala Kunveno de Hispana Esperanto-Federacio (HEF).

Post parolo de s-ro S. Aragay salutis la kongreson la reprezentantoj de la hispanaj esperantistaj grupoj, kaj tuj poste li memorigis, ke en la pasinta Kongreso en Vigo unuanime estis decidite fari omaĝon al la fraŭlinoj Inés kaj Emilia Gastón. Estas menciinde, ke antaŭ dudek kvin jaroj nia Federacio trapasis krizon, kiu estis solvita per la translokiĝo de la sidejo de HEF al Zaragoza, kaj de tiu momento nia movado en Hispanio vere estis serioze rigardata en Eŭropo. Nun fraŭlinoj Gastón zorgas pri "Fondaĵo Esperanto", Turisma Sekcio kaj la Eldona Fako de HEF. Nome de la Kongreso kaj de HEF estis donacita al Inés Gastón honora plato.

Inés Gastón, denaska esperantistino, emocie respondis, ke ŝi bruas por Esperanto. S-ro S. Aragay diris al ŝi, ke ŝiaj bruoj aŭdiĝu en la tuta mondo.



*Fermo de la Kongreso*



*Oficiala foto*

Post la omaĝo kaj laŭ la tagordo de la Ĝenerala Kunveno, s-ro L. Hernández Izal legis en kastilia lingvo la Aktojn de la pasinta kunveno de la Kongreso de Vigo. Aktoj, kiuj estis unuanime aprobitaj. Tuj estis legata la raporto de HEF. En ĝi estis traktataj multaj diversaj punktoj pri kiuj estus longe raporti. La financa raporto de HEF estis legata de Luis Hernández García. Pri ĝi oni faris diversajn rimarkojn kaj poste tiel same pri "Boletín". Pri la kotizo, ĝin oni ne altigos en la venonta jaro.

Jam decidinte okazigi la venontan Kongreson en 1988, en Valencio, oni proponis por 1989 la urbon Bilbao. Rilate la agad-planon starigitan en la Kongreso de Kartageno, s-ro L. Hernández García legis la raporton kaj sekve, kiel lasta punkto de la Kunveno, estis prezentita la agad-plano por 1988-1989, kiu estis multe diskutata. Fine oni esprimis la deziron okazigi Universalan Kongreson de Esperanto en la jaro 1993, kiun organizos la Valencia Grupo de Esperanto. Oni petis, ke en Varsovio oni faru antaŭa UEA la demarŝojn por ke la propono fari La Universala Kongreson en Valencio estu akceptita.

**Dimanĉe** matene en la aŭditorio de la kongresejo okazis katolika Meso, kiun celebris Pastro Musazzi. En sia parola prediko, krom preĝi por la paco, li menciiis la vortojn de Zamenhof, ke "ni ĉiuj estas filoj de Di". Akompanis la relegian ceremonion de la Sankta Meso la Kanto de Komunio bonege interpretata en Esperanto de gesamideana ĥoro.

Post la Meso kaj en la kadro de "Artaj kaj Sciencaj Horoj" malvolviĝis la debato pri "La Lingvoj en la Iberia Duon-insulo". Prezidis ĝin kiel moderiganto William Auld. Oni ne devas enfazi la gravecon de tiu ero de la Kongreso. Ĝi okazis enkadre de "Artaj kaj Sciencaj Horoj", kiuj ĉiujare fariĝas pli gravaj kaj prestiĝaj. Tiu debato estas priskribita de Antono Alonso Núñez, la prizorganto de la "Horoj", en la raporto pri ili.

Posttagmeze okazis la prezentado de novaj libroj. Unue Rafaela Irueña

prezentis la broŝuron, en kastilia lingvo, "Esperanto, el Idioma para comunicarse sin obstáculos".

En dua vico estis la "Analoj de la Esperanta Movado en Hispanujo" de A. Marco Botella. Ĉar la aŭtoro, kiu ĉeestis la Kongreson, iom malbone fartis pro laciĝo, s-ro S. Aragay prezentis ĝin poste.

La triaj du verkoj prezentitaj estis la broŝuro "La Blua Hundo" de Guillermo Otero kaj "Sanga Nupto kaj la Domo de Bernarda Alba" de Federico García Lorca. Ambaŭ libroj estas tradukitaj de Miguel Fernández al la esperanta lingvo. Miguel Fernández rakontis pri la tradukado kaj la eldonado.

"La Homa Vivaventuro" estis prezentita de ĝia aŭtoro Giordano Moya.

"Pandemonio" unua libro de la serio eldonita de Junaj Verkistoj kaj kompostita en Amsterdamo ĉe UEA.

A. Alonso Núñez informis, ke helpe de la Komunuma Registaro de Galegio estis eldonita en galega lingvo Esperanta Gramatiketo.

José Añó prezentis la belan ilustritan lernolibron por infanoj A E I O U.

Santiago Mulas prezentis la libron "Astura bukedo", el asturaj verkistoj kaj eldonita helpe de ŝparkaso.

Juan Carlos prezentis "Siatempa Simfonio" hispana antologio tradukita de Fernando de Diego kaj subvenciita de UNESKO.

Miguel Gutiérrez Adúriz prezentis "Sferoj—5" sciencaj fikciaj kaj fantastaj rakontoj verkitaj nur de virinoj, ĝis nun unika okazaĵo en la mondo.

Finante la prezentadon s-ro S. Aragay menciis, ke la Fonzaĵo Luiso Mimó Espinal eldonos en Esperanto tradukitan el la kataluna fare de la elstara forpasinto L. Mimó, la verkon "Kataluna Don Kiĥoto" de Santiago Rusiñol, kaj "Donna Perfekta" de Pérez Galdós el la kastilia en Esperanton.

FERMO DE LA KONGRESO.– Je la dekoka okazis la fermo de la Kongreso. S-ro S. Aragay per emociaj vortoj komencis la ferman kunsidon kaj legis la Rezolucion, kiu diras:.....



*Bulgara Esperanto-Teatro (BEA)*

Al tio sekvis la disdonado de diplomoj de kapabla esperantisto kaj instruisto al tiuj, kiuj sukcesis en la ekzameno. S-ro Zaragoza nome de la ekzamenantoj kaj de ILEI vokis la diplomitojn, disdonante la diplomojn.

S-ro Augusto Casquero nome de la LKK aldonis premion al s-ro Frederiko Alberik pro lia helpo en la organizado de la Kongreso.

S-ro Luis Mª Hernández Izal anoncis la premion Klara Silbernik, kiu ĉijare estis aljuĝita al s-ino Dolores Teixidó, edzino de G. Moya.

La Kongreso aldonis premion al s-ro Miguel Hernández pro la tradukado de la verko de Federico García Lorca "Sanga Nupto kaj La Domo de Bernarda Alba".

Post la diplomado kaj premiado la Prezidanto de HEF s-ro S. Aragay prezentis la gast-parolanton William Auld, kiu malvolvis la temon "Cent jaroj de vivo kaj espero".

Post la altkvalita parolado de W. Auld, s-ro S. Aragay mirinde impresite de la parolo de W. Auld, gratulis lin nome de HEF kaj de la Kongreso.

Supreniris la podion la reprezentanto de la Grupo de Valencio invitante la esperantistojn por la venonta 48a Kongreso en Valencio, la unua en la dua jarcento. Valencio, li diris, atendas vin.

S-ro S. Aragay diris, ke per la plenumiĝo de la lastaj progameroj de la Kongreso de tiu Jubilea Jaro, ĝi sukcesis danke al la kunlaborado de la membroj de la LKK, kies nomojn li menciis. Ankaŭ la Kongreso dankis s-ron Simo Milojeviĉ pro la festparolado, d-ron William Auld pro la gast-parolado, la teatran teamon de Bulgario, s-ron Antono Alonso Núñez pro la aranĝo de la "Sciencaj kaj artaj horoj". Sekve la Prezidanto de HEF deklaris fermita la 47an Hispanan Kongreson de Esperanto.

La kongresanoj ekstaris kaj kantis la unuan strofon de la Espero.

Aliaj aranĝoj de la Kongreso estis la projekcio de filmo en Esperanto pri la Eŭropa Ekonomia Komunaĵo kaj la Teatra Vespero en du sesioj, vendrede kaj sabate en "Centro Cultural Buenavista". Ludis la teatraĵojn la teamo de Bulgara Esperanto-teatro BET kaj la verkoj reprezentitaj estis La Kaverno de Salamanka de Cervantes kaj Pikniko sur la Batalkampo de Fernando Arabal, du hispanaj aŭtoroj, Cervantes el la Ora epoko kaj Arabal, nuntempa. La rolantoj majstris interpretante en Esperanto la du verkojn, la unua rilatanta la dekadencon de la hispanaj nobeloj kaj ka dua la absurdecon de la milito.

Elstaris en la Kongreso la aranĝoj de "Artaj kaj Sciencaj Horoj", kies raporto, kiel memciite, aperas aparte.

Dimanĉe vespere okazis la Adiaŭa Bankedo, kiu finiĝis per vigla dancado.

**Lunde**, kiel aldona feria tago de la Kongreso okazis du apartaj aranĝoj, la ekskurso al Toledo kaj la vizito al Madrido kaj ĝia urbodomo.

Vespere, kiel fino, estis la oficiala akcepto de la Kongresanoj fare de la urbestro de Madrido. La Festo kaj Lunĉo okazis en la Pavilono de la Ĝarde-

noj Cecilio Rodríguez. Akceptis la esperantistojn nome de la urbestro la Direktoro de la Servoj de Kulturo de la urbo Madrido s-ro Javier Domingo, kiu laŭdis Esperanton ĉar naskiĝintan el la kulturo, kun la deziro, ke tiu formo de komunikado estu instruata en la lernejoj. S-ro S. Aragay dankis la urbestraron de Madrido kaj esprimis sian deziron, ke oni starigu monumenton al Zamenhof. Ankaŭ dankparolis s-ro Augusto Casquero nome de LKK.

La Ĥoro Verda Stelo, naskiĝinta antaŭ tri jaroj en Madrido, kantis en Esperanto tri kanzonojn kaj finis interpretante nian himnon la Espero. Kaj...... ĝis Valencio.

G.M.E.

# ARTAJ KAJ SCIENCAJ HOROJ

Jen, post Seviljo, Kartageno kaj Vigo, la "Horoj" ĵus travivis en Madrido sian kvaran eldonon!. Por ŝpari spacon, ni senpere kaj mallonge raportu pri ties aranĝoj, kaj lasu por la fino kelkajn komentojn kaj informeton:

Hugh P. Reid (Skotlando) prelegis pri "Laseroj en la moderna vivo". Li firme kaptis ĉies atenton per teorio, aplikoj, prezento de sia propra faka laboro, diapozitivoj kaj eksperimentado — kun helpo de Pedro Vilarroig — per la lasero de la Min-Lernejo. Tre estetikan ĝuon konsistigis la vido de tiu bela, preskaŭ blindiga lum-radio ruben-kolora, kaj ties disdivido al ventumila radiaro pere de difrakta reto; la mirindaj fenomenoj "difraktado de lumo", "lumaj neĝeroj"; la surprizaj tridimensiaj fotoj konataj sub la nomo "hologramoj"... Pro interesiĝo de pluraj kongresanoj, la preleganto devis fari duan seancon por leciono kaj por eksperimentado!.

Julio J. Juanes (Bilbao) enkondukis la artan emocion pere de poem-legado kune kun enkondukaj notoj kaj komentoj de sia "Esperanta poezio". Unuanima ŝprucis, ke temis pri rekta altnivela mergo en nian kulturon, kaj ke tiun vojon sisteme kulturu la "Horoj".

Xaime Canoa (Vigo) prezentis al ni, per la voĉo de Concha López, ĉerpon el sia tradukaĵo "Internacia Proverbaro". La ĉeestantoj frandis la buntan spriton de plej diversaj popoloj kaj kulturoj kiuj, jen saĝe aŭ malsaĝe, jen milde aŭ vinagre, parolas pri virinoj, pri advokatoj, pri mono, pri amo kaj pri plej diversaj temoj...

La "Kanta kaj muzika prezentado" de Concha Hernández de López (Alicante) kun ŝiaj genepoj Alvaro, Ezequiel kaj Zaida estis vera ravo por ĉiuj aŭskultantoj: Vere, neniu, kiu ne jam konis la avinon, povis eĉ supozi, ke li

aŭdos tian alt-kvalitan sopranan voĉon ĉe amatorino!; nenia dubo, ke se ŝi havintus la eblecon studi kanton dum sia juneco, ŝi iĝintus fama nomo de "bel canto"!. Kaj ni vere ĝojis, ke ĉiuj tri geinfanoj estas tiel bonaj muzikistoj, kiel fluaj parolantoj de Esperanto; oni komprenas, kial "Brave"-krioj aŭdiĝis.

Por la unua fojo, la "Horoj" enkondukis "Intensivan HEF-kurseton". Ĉi-jare temis pri konjugacio de Esperanto, per prelegoj de Antonio Alonso Núñez (Santiago de Compostela) kaj Alberto Franco Ramírez (Seviljo). En ĝi oni studis pri pliriĉigaj tendencoj en nia kongugacio, pri tempoj, aspektoj, gradoj, statoj, modoj. Temis pri universitat-nivela lekciaro; pro tempomanko, la antaŭvidita ses-hora daŭro reduktiĝis la kvar-hora.

Fine, la plej sukcesa ero de la "Horoj" ĉi-jaraj: La debato pri "La lingvoj de la iberia duon-insulo" kun samtempa omaĝo al nia poeto William Auld. La aranĝo estis la jena: Auld laŭtlegis sian poemon "Glasgovo Nokte", kaj poste oni laŭtlegis ties tradukojn en la lingvoj vaska, kastilia ( = hispana), galega kaj portugala; tion sekvis legado de informoj pri la diversaj lingvoj de la duon-insulo, kaj fine oni plonĝis en debaton moderigatan de William Auld. En la koncerna kompleksa aranĝo partoprenis dek-unu personoj, jen kiel aŭtoro aŭ tradukintoj, jen kiel deklamantoj, jen kiel informantoj aŭ debatantoj: William Auld, Ricardo Badiola Uriarte, Julio J. Juanes, Abel Montagut i Masip, Antonio Alonso Núñez, António da Silva Almeida, Rafael Blanco Arbe, Alberto Franco Ramírez, Georgo Camacho Cordón, José Luis Sánchez Vázquez kaj Ruth Medeiros de Costa.

Nun, la anoncitaj komentoj kaj informeto:

Pluraj personoj plendis, ke la ĉeestantoj al la prelegoj pri Laseroj, Esperanta poezio kaj Konjugacio ne ricevis fotokopiojn aŭ presaĵon kun la koncernaj tekstoj. Kaj ili laŭdis, ke tion oni ricevis kun la teksto de la kantoj, kaj de la Auld-a poemo kaj ties tradukoj (tamen, ne de la informo pri la lingvoj).

Pluraj ĉeestantoj opiniis, ke temis pri tro da "Horoj", kvankam je kelkaj laŭdis ĝuste tiun kreskantan atenton al ekspluatado de la kultur-kapitalo ekzistanta en la kongresanaro mem.

Ĝenerala opinio estas, ke la "Horoj" proksimiĝas al sia matureco. Tial, pluraj personoj interesiĝantaj pri la afero laboras pri antaŭprojekto de Regularo por la "Artaj kaj Sciencaj Horoj de HEF-Kongresoj", kiun ili prezentos al HEF-estraro por trastudo kaj eventualaj modifado kaj aprobo, por elekto de responsa gvidant(ar)o ktp.

Jam antaŭ la fino, de la Kongreso venis sin-proponoj kaj sugestoj, pli ol sufiĉaj por la venont-jara eldono!: Ke la dua "Intensiva HEF-kurseto" temu pri "Prononcado kaj prozodio de Esperanto"; ke oni okazigu duan lekciaron pri laseroj, aŭ pri alia teknika fako, kun abundo de bildoj, aparatoj, prezentado de fizikaj fenomenoj, k.s.; ke ni informiĝu pri la relative multaj per-

sonoj kompetentaj pri kantado, muzikado, deklamado, skeĉaj kaj teatraj kapabloj, kaj ke ni petu ilian kunlaboron; s-ro Juanes faris bonegan proponon por adekvata malvolvo de vizitado al muzeoj kaj similaj kongresaj aranĝoj (pri tio ni informos oportune); ke ilia debato nepre okazu (kaj plurajn temojn oni proponis: "Por kaj kontraŭ atom-energio", "Viroj kaj virinoj", "Riĉeco socia kaj sen-laboreco de homoj"), ktp.

Por fino de tiu ĉi raporto, jen la laŭda opinio de nia elstara samideano Gian Carlo Fighiera: "La nivelo de la "Horoj" estis ĉiukaze digna, kaj plurfoje elstare alta. La flua debato pri lingvoj plus la omaĝo al William Auld estus granda sukceso en kiu ajn nacilingva televida elsendo. Tiun vojon nepre iradu la "Horoj", tiel por nia propra riĉiĝo, kiel por montrado al la ekstera publiko!".

**Antonio Alonso Núñez**

---

# KIEL KONGRESI?

---

Kiel ĉiuj kongresoj, la 47-a Hispana Kongreso de Esperanto (Madrido, aprilo 1987) karakteriziĝis per sinsekvo de sukcesoj kaj malsukcesoj. Tamen, laŭ la ĝenerala opinio de la partoprenintoj, la sukcesoj supernombris la malsukcesojn kaj, kiel tuto, la kongreso eltrovis novajn vojojn por la estonto.

Meditinde estas, ke kvankam la Kongreso anonciĝis ek de la komenco de sia organiza periodo kiel labora kaj kultura aranĝo, kaj kvankam ĝia kotizo devis esti fiksita je pli alta nivelo ol antaŭe, la nombro da partoprenantoj atingis rekordan ciferon (pli ol 350) kaj la publiko amase partoprenis ĉiujn programerojn: la ĝojiga vido de plenŝtopita salono fariĝis konstanta realaĵo ĉiutage, inkluzive dum la kongresa dimanĉo.

Tiu ĉi pozitiva reago de la kongresanoj forigas ĉiujn dubojn pri la deziroj de la landa Movado. Pruviĝis, ke la hispanaj esperantistoj preferas mallongan kongreson kun abunda oferto da bonnivelaj programoj, sinsekvaj aŭ samtempaj, zorge antaŭpreparitaj: estas preferate, ke la programoj —laboraj, kulturaj aŭ distraj— nepre estu Esperantaj kaj ke la tut-taga ekskurso ne okazu meze de la kongreso, sed havu libervolan karakteron kaj disvolviĝu post la Kongreso.

Kio pri la neesperantistoj? Montriĝis, ke tiu ĉi kategorio praktike ne ekzistas en la naciaj kongresoj de Esperanto (la malo estus paradokso). Eĉ la eternaj komencantoj kaj la familianoj plenigis la salonojn kaj interesiĝis pri la Kongresaj programoj. Do, la organiza laboro povas sentime kaj prioritate koncentriĝi al la esperantista aspekto de la kongreso.

Se oni petus min pri sugestoj por venontaj kongresoj, mi dirus jenon:

1. Ne nepre necesas havi ĉiujare nacian kongreson: oni organizu ĝin nur kiam iuloke ekzistas minimumaj antaŭkondiĉoj de sukceso. Pli bone ne havi kongreson ol havi fuŝan aranĝon. Se objektive ne eblas organizi kongreson, oni prefere kunvoku semajn-finan kunvenon de HEF kaj fakaj asocioj.
2. La prepar-laboroj devas komenciĝi plej malfrue 18 monatojn antaŭ la datoj de la kongreso.
3. La kongresanoj atendas fruajn kaj rektajn informojn (ne nur pere de "Boletin") pri la organiza progreso pri loĝistiko kaj programoj. La unua bulteno de la 47-a, kun provizora programo, nomoj de membroj de la Honora Komitato kaj informoj pri loĝado, estis disdonita jam dum la 46-a.
4. Necesas sufiĉe granda kaj konforta kongresejo (ne nepre luksa), kie la kongresanoj povas sidi kaj labori dum la tuta tago.
5. La labor-programoj devas esti detale preparitaj: Antono Alonso Núñez, ekzemple, laboris preskaŭ unu jaron por aranĝi la Artajn kaj Sciencajn Horojn, kaj sian Superan Kurson.
   La formalaj kunvenoj, kiel Malfermo kaj Fermo, kaj la oficialaj paroladoj, ne estu lastmomente improvizitaj.
   La artaj aranĝoj, ekzemple la Teatra Vespero, celu altan nivelon.
6. Oni povas akiri naciajn, regionajn kaj lokajn, publikajn kaj privatajn, subvenciojn por klare priskribitaj sociaj kaj kulturaj celoj, se oni ĝustatempe submetas oportunajn dosierojn samtempe al pluraj instancoj, kaj se oni insiste sekvas la evoluon de la peto.
7. Oni ne subtaksu la laboron por bonorda organizo de ekskursoj kaj vizitoj kun esperant-lingva klarigo.
8. Estas oportune starigi Gazetaran Servon, kiu tutlande informu la gazetojn, radiojn kaj televid-staciojn pri la kongreso kaj pri Esperanto.
9. HEF devus nomi Estraranon pri kongresoj, kiu helpu LKK-on, kunmetu dosieron pri la spertoj de la antaŭaj kongresoj kaj zorgu la kunligon inter HEF kaj LKK, eĉ per personaj vizitoj.
10. Por helpi la Esperantan literaturon, la kongres-kotizo enkalkulu subvencion por la eldono kaj senpaga disdono al la kongresanoj de nova verko en la internacia lingvo.

**Gian Carlo Fighiera**



# GAST – PAROLADO DE WILLIAM AULD

## CENT JAROJ DE VIVO KAJ ESPERO

Dum cent jaroj la lingvo Esperanto ekzistas kaj estas ĉiutage uzata en preskaŭ ĉiuj mondpartoj. Se paroli sincere, tio ŝajnas al mi aŭtentika miraklo. La sorto de la lingvo kaj de la esperantistoj tre ofte dependis de apartaj registaroj kaj de politikaj cirkonstancoj. Iuj registraroj kuraĝigis Esperanton, aliaj persekutis la esperantistojn kaj malpermesis la movadon. Oni povas facile imagi la efikon de du mondmilitoj al movado celanta internacian kunlaboradon kaj – implicite, se ne eksplicite – tuthomaran frateco. La fakto, ke la lingvo Esperanto travivis militojn, pogromojn, koncentrejojn kaj ĉiajn drastajn malhelpojn – por ne paroli pri malpli teruraj sed nepre insidaj faktoroj, kiel mokado kaj indiferenteco – atestas pri la forta realeco de ĝia fundamenta ekzistorajto, kaj pri la valoro de la konceptoj, kiujn ĝi reprezentas,

Sur la sojlo de la dua jarcento, laŭ mia opinio, valoras rerigardi al nia historio por ĉerpi el ĝi inspiron kaj eventualajn avertojn. Neniu homo hodiaŭ vivanta travivis la tutan ekzistotempon de nia lingvo, kaj kvankam multaj el vi informiĝis pri nia historio, tamen por multaj esperantistoj ĝi estas relative nekonata; kaj ĉiuokaze ĝi estas temo plena je intereso kaj stimulo.

Neeviteble, ĉiu el ni emas rigardi la movadan historion el vidpunkto de la propra hejmlando. Mi mem, ekzemple, sufiĉe amplekse konas la historion de Esperanto en Britujo, sed pri la movado en Hispanujo miaj scioj estas malprecizaj kaj eble distorditaj. Volonte mi salutas la verkinton de la unua hispana lernolibro (1890), kaj fondinton de la unua societo en 1892, s-anon Josefo Rodriguez Huertas; la unuajn esperantistojn en Madrido: Ramón Andreu Bella kaj Vicente Inglada Ors; la gravan katalunan pioniron Alfons Sabadell; mi notas, ke Esperanto atingis en 1907 la Kanarian insularon, kie, preskaŭ duonjarcenton poste, fondiĝis sub egido de Prof. Régulo Pérez la eldonejo Stafeto, dum multaj jaroj la grava centro de nia literatura kulturo. Sed tiuj estas nur malgranda parto de la Esperanto-historio en tiu ĉi lando.

Por vere kompreni, kia estas la miraklo de Esperanto, oni devas rigardi ĝin kiel fenomenon tutmondan. Oni neniam devas forgesi, ke Esperanto apartenas al ĉiuj popoloj kaj ĉiuj individuoj, kaj ne limiĝas al difinita regiono aŭ homgrupo, kiel ekzemple Eŭropo aŭ iu aparta politika starpunkto. Kiam en iu lando aŭ teritorio la lingvo falis aŭ estis subtretita, jen en alia lando aŭ mondparto ĝi kreskis kaj floris. Pro la komplikeco kaj amplekso de tia diaspora movado, estas eble ĉi tie nur skizi la ĉefajn konturojn de ĝiaj progresoj kaj malprogresoj dum la pasinta jarcento.

Zamenhof eldonis proprakoste sian Unuan Libron en julio 1887. Ĝi estis tute modesta broŝureto, kaj al Zamenhof mankis, ekzemple, propra presorgano aŭ alia konkreta rimedo por vaste diskonigi ĝian ekziston. Li dissendis ĝin en la gazetaro, al diversaj kluboj, kaj al konataj individuoj. Kiel komenciĝo ĝi estis sufiĉe modesta, kaj oni povas nur miri, ke tamen jam antaŭ la komenciĝo de 1888 Zamenhof ricevis surprize multajn promesojn ellerni la lingvon, kaj la unuaj mil esperantistoj estis registritaj ĝis 1889. Ĉu io simila okazus hodiaŭ?

En decembro 1888 transiris al Esperanto la grava volapüka klubo en Nurnberg, Germanujo, kaj fariĝis la unua Esperanto-klubo en la mondo. En septembro 1889 ĝi fondis la unuan Esperanto-gazeton, **La Esperantisto**. Tion la esperantistoj jam tre bezonis, por kontaktigi ilin unu kun aliaj, kaj por liveri modelajn tekstojn en la nova lingvo kaj unuecigi la stilon de la plejparte izolitaj adeptoj.

Fine de 1890 Zamenhof transprenis la eldonadon, sed en decembro 1891 li trovis sin tiel senmona, ke li devis anonci ĉesigon de la revuo. Tia bato eventuale mortkondamnus la lingvon. Feliĉe, intervenis germano, Wilhelm Trompeter, kiu garantiis la necesan monon, kaj efektive savis la burĝonantan lingvon.

Tamen en 1895 la cara cenzuro malpermesis la gazeton en Ruslando, tiel ke **La Esperantisto** perdis tri kvaronojn de sia abonantaro. Tio estis la unua, kaj neniel la lasta, el la registaraj-politikaj atencoj kontraŭ Esperanto, kaj, rezulte, Zamenhof devis ĉesigi la eldonadon.

Sed la situacio post pluaj kvar jaroj (la lingvo estis tiam nur ok jarojn aĝa!) estis jam multe pli esperiga ol en 1891. Estis oficiale registritaj 3602 esperantistoj; estis eldonitaj 47 lernolibroj kaj vortaroj, en 19 lingvoj; estis eldonitaj eĉ 12 literaturaj verkoj, ne nur tradukitaj sed ankaŭ originale verkitaj, el kiuj la ĉefa estis mirinda traduko de la ŝekspira **Hamleto** far Zamenhof mem. Tiu traduko estas tiel matura kaj tiel arte bela, ke ĝi restas plene valida kaj plene leginda ĝis hodiaŭ. Ĝi ankaŭ starigis en 1894 lingvajn kaj stilajn kriteriojn imitindajn de aliaj tiamaj verkemuloj.

Cetere, la praktika utiligo de Esperanto jam komenciĝis, en la formo de vojaĝoj, dum kiuj la lingvo ludis seriozan rolon. Ekzemple, en 1895 du svedoj vojaĝis tra Rusujo, Turkujo, Rumanujo, Aŭstrujo, Hungarujo kaj Germanujo, kontaktiĝante kun lokaj esperantistoj. Tiaj vojaĝoj donis faktan pruvon pri la taŭgeco de la parola lingvo.

Malfacile imagebla de hodiaŭaj esperantistoj estas la etoso kaj efiko en tiuj pioniraj tagoj. Jarojn poste la franco Carlo Bourlet priskribis sian propran sperton:

"Tuj aperas antaŭ miaj okuloj (li diris) la fantoma bildo de maldika, pala viro kun longaj blondaj haroj, maldensa flava barbeto kaj fikse rigardantaj bluaj okuloj: Seleznjov!

"Tiu asketo, kun sia longa, griza palto, kies kolumo estis ĉiam levita, estas la unua eksterlanda Esperantisto, kun kiu mi parolis en Esperanto. Mi bone memoras la festeneton en la 'Café Voltaire', kiun mi organizis, en Oktobro 1902, je lia honoro, lian flaman parolon, la fluantecon de lia esprimado, kiu tute mirigis nin.

"Seleznjov estis nia parolinstruisto; ĉar li, la unua, konigis al ni, ke Esperanto estas vivanta lingvo; li, la unua, pruvis al ni Parizanoj, ke Esperanto povas esti parolata kun la samaj facileco, eleganteco, rapideco, kiel iu ajn nacia lingvo".

Post la ĉesigo de **La Esperantisto**, la movado ne longe restis sengazeta. En 1895 svedoj eldonis unuan numeron de nova revuo **Lingvo Internacia**, kiu post kelkaj debutaj malfacilaĵoj fariĝis grava kontaktilo. En 1898 franco, Louis de Beaufront, lanĉis revuon **L'Espérantiste** kaj iniciatis periodon de vigla varbado en franclingvaj landoj, kiu baldaŭ rezultigis fortegan kaj multnombran francan movadon. Tiu movado transprenis (neoficiale) gvidan rolon en la afero Esperanto.

Eble ĝia plej grava sukceso estis varbo de la potenca eldonejo Hachette en 1901. Tiu komerca firmao disponis grandajn rimedojn kaj iniciatis eldonadon de libroj en Esperanto, kiujn ĝi povis disvendi tra la mondo pere de sia internacia reto de agentejoj. Ĝi ankaŭ eldonis ekde 1906 ĉiumonatan literaturan periodaĵon, **La Revuo**. Efektive, en junio 1905 ekzistis jam 27 revuoj, el kiuj du estis eldonitaj en Sudameriko (Ĉilio kaj Meksikio).

Samjare, ekzistis jam kvin Esperanto-societoj en Japanujo.

Rivalecoj interne de la franca movado rapide kondukis al starigo de propra eldonejo **Presa Esperantista Societo** en konkurenco al Hachette.

Dank' al tiuj du eldonejoj – samtempe kun eldonado pli aŭ malpli modesta en aliaj landoj – la literaturo de Esperanto kreskadis abunde. Klasikaĵoj el franca k.a. lingvoj aperis tradukitaj, kaj pli kaj pli da verkoj diversfakaj originale verkitaj en Esperanto. En 1907 aperis la unua, 500-paĝa, originala romano, **Kastelo de Prelongo**, de Henri Vallienne. Tio estis firma refuto al tiu sekcio de la esperantistoj, kiu pridubis la "neceson" de originala literaturo en Esperanto.

Dum la sama periodo alia granda paŝo antaŭen estis farita. En 1904 esperantistoj en norda Francujo kaj suda Anglujo organizis eksperimentan "Unuan Kunvenon Internacian de Esperantistoj", kaj en aŭgusto tiujare ĉ. 200 el ili pasigis semajnfinon en la du regionoj, kun, kompreneble, transmarkola vojaĝo sur boato. Tiel sukcesa estis la aranĝo, ke la grupo en Bulonjo-sur-Maro konsentis en tiu urbo organizi en la somero de 1905 la unuan Kongreson de Esperanto.

En aŭgusto 1905 tiu kongreso okazis: ĉeestis 688 esperantistoj el 20 nacioj. Ĉeestintoj atestas pri la emocia travivaĵo de tiu epokfara semajno. Por la unua fojo en la historio de la mondo homoj el multaj diverslingvaj nacioj

kunvenis kaj uzadis neŭtralan arte kreitan lingvon inter si. Tio ripetiĝis jam dekmilojn da fojoj, kaj iasence neniam tute mankas sento de miro pri la miraklo de tiaj senĝenaj komunikiĝoj, sed la unikeco de tiu semajno en 1905 trasentiĝas ankaŭ nun.

La inaŭgura parolado de d-ro Zamenhof estas unu el la grandaj paroladoj de la historio, kaj meritas la seriozan atenton de ĉiuj homoj, kaj antaŭ ĉio de ĉiuj politikistoj. Ĉi tie ni nur ripetu kelkajn liniojn:

"Kaj nun la unuan fojon la revo de miljaroj komencas realiĝi. En la malgrandan urbon de la franca marbordo kunvenis homoj el la plej diversaj landoj kaj nacioj, kaj ili renkontas sin reciproke ne mute kaj surde, sed ili komprenas unu la alian, ili parolas unu kun la alia kiel fratoj, kiel membroj de unu nacio. Ofte kunvenas personoj de malsamaj nacioj kaj komprenas unu la alian; sed kia gradega diferenco estas inter ilia reciproka kompreniĝado kaj la nia!

"Tie komprenas sin reciproke nur tre malgranda parto da kunvenintoj, kiuj havis la eblon dediĉi multegon da tempo kaj multegon da mono, por lerni fremdajn lingvojn, — ĉiuj aliaj partoprenas en la kunveno nur per sia korpo, ne per sia kapo: sed en nia kunveno reciproke sin komprenas ĉiuj partoprenantoj, nin facile komprenas ĉiu, kiu nur deziras nin kompreni, kaj nek malriĉeco, nek nehavado de tempo fermas al iu la orelojn por niaj paroloj. Tie la reciproka kompreniĝado estas atingebla per vojo nenatura, ofenda kaj maljusta, ĉar tie la membro de unu nacio humiliĝas antaŭ la membro de alia nacio, parolas lian lingvon, hontigante la sian, balbutas kaj ruĝiĝas kaj sentas sin ĝenata antaŭ sia kunparolanto, dum tiu ĉi lasta sentas sin forta kaj fiera; en nia kunveno ne ekzistas nacioj fortaj kaj malfortaj, privilegiitaj kaj senprivilegiaj, neniu humiliĝas, neniu sin ĝenas; ni ĉiuj staras sur fundamento neŭtrala, ni ĉiuj estas plene egalrajtaj; ni ĉiuj sentas nin kiel membroj de unu nacio, kiel membroj de unu familio, kaj la unuan fojon en la homa historio ni, membroj de la plej malsamaj popoloj, staras unu apud alia ne kiel fremduloj, ne kiel konkurantoj, sed kiel fratoj, kiuj ne altrudante unu al la alia sian lingvon, komprenas sin reciproke, ne suspektas unu la alian pro mallumo ilin dividanta, amas sin reciproke kaj premas al si reciproke la manojn ne hipokrite, kiel alinaciano al alinaciano, sed sincere, kiel homo al homo. Ni konsciu bone la tutan gravecon de la hodiaŭa tago, ĉar hodiaŭ inter la gastamaj muroj de Bulonjo-sur-Maro kunvenis ne francoj kun angloj, ne rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj. Benata estu la tago, kaj grandaj kaj gloraj estu ĝiaj sekvoj!"

La Kongresoj de Esperanto ĝis hodiaŭ okazas ĉiujare, ĉiufoje en alia lando, ne nur en Eŭropo. Hodiaŭ, kompreneble, okazadas ankaŭ centoj da aliaj internaciaj kunvenoj ĉiujare, landaj, fakaj, studaj, simple turismaj; sed la Universalaj Kongresoj formas la ĉefan manifestacion de la spirito unuafoje spertita en Bulonjo-sur-Maro.

Nur du jarojn post tiu evento komenciĝis krizo, kiu denove minacis detruon de la afero Esperanto. Necesas kompreni, ke ekde la komenco ekzistis en la movado du tendencoj, kiujn oni povas simplige nomi **praktikemo kaj teoriemo**. La praktikuloj celis antaŭ ĉio funkciigi kaj uzigi la lingvon, la teoriuloj emis trakti ĝin kiel projekton, kiun oni povus en ĉiu momento ŝanĝi kaj "plibonigi". Iuj el tiuj lastaj postulis diversajn reformojn, kiel ekz-e forigon de supersignoj, forigon de akuzativa finaĵo, pluralon —i anstataŭ —oj, ktp. Jam en 1884 tiaj reformproponoj trudis al Zamenhof la neceson voĉdonigi la abonantojn de **La Esperantisto**, ĉu reformi la lingvon aŭ ne. Per grandega plimulto la esperantistoj rifuzis reformojn: venko por la praktikuloj, kiuj komprenis, ke ŝanĝado de la lingvo detruos fidon de la adeptoj pri la stabileco de la lingvo de ili lernita kaj ekuzita. (Se paroli ĝenerale, la lingva nivelo de la reformemuloj estis malpli kontentiga. Ni konstatu ankaŭ, ke la t.n. "plibonigoj" celis plieŭropigi la lingvon, kio estis kontraŭ la intenco de Zamenhof kaj kontraŭ la tutmonda neŭtraleco, kiu estas grava ĝia karakterizo.)

Estas notinde, ke Zamenhof antaŭvidis ŝanĝĝojn en sia lingvo, kaj tion ebligis per **vojo de neologismoj**, kiu estas normala vojo en aliaj lingvoj. Laŭ tiu vojo, oni rajtas ekuzi novan formon apud jam ekzistanta, kaj la viva uzado decidos finfine inter ili. Pluraj ŝanĝiĝoj efektive okazis en Esperanto tiamaniere, precipe sur tereno de la vortprovizo. Ekzemple, kiam televidoj estis nova fenomeno, iuj diris **televido**, aliaj **televideo**, aliaj **televizoro**; sed tio ĝenis neniun, kaj relative rapide la uzado normiĝis en **televido.**

Sed iuj reformoj estus neeblaj. Pluralo en —i ne eblas, ĉar —i estas jam signo de la infinitivo. Oni rimarku, cetere, ke se la akuzariva finaĵo estus vere tiel superflua, kiel iuj volis kredigi, la esperantistoj povus tute facile forigi ĝin per simpla neuzado; la fakto, ke tio **ne** okazis dum centjara ĉiutaga uzado de la linvo, estas per si mem sufiĉa pruvo pri ĝia utileco kaj dezirindeco! —sed eĉ tia fundamento ŝanĝiĝo, se ĝi okazus, tute ne atencus la ekzistadon de la lungvo mem!

Sed iuj homoj, por kiuj Esperanto restadis projekto, speco de ludilo anstataŭ serioza lingvo, ne agnoskis tiajn praktikajn konsideraĵojn, kaj en 1907 du el ili ekkaptis prezentitan okazon trudi al la movado — ili antaŭsupozis— siajn privatajn marotojn.

La afero de la Delegacio estas komplika, sed sumiĝas jene:

En 1900 franca sciencisto, L. Couturat, helpate de alia sciencisto L. Leau, fondis "delegitaron por alpreno de Lingvo Internacia". Tiu Delegitaro neniam havis karakteron de publike organizita asocio; ĝiaj sekretario Leau kaj kasisto Couturat estis de neniu elektitaj, kaj ili fakte tenis la tutan aferon aŭtokrate en siaj manoj. Tamen ilia agado bezonis la subtenon, moralan kaj financan, de la Esperanto-movado. En 1906 tiu Delegitaro sin turnis al la internacia Asocio de Akademioj kun peto, ke ĝi prenu la definitivan solvon de

la mondlingvo en siaj manoj. Tion la Asocio rifuzis en 1907, deklarante sin nekompetenta por decidi pri problemo "solvota de la vivo mem". Couturat do proponis, ke la Delegitaro elektu 18-membran komitaton por memstare solvi la problemon.

Zamenhof delegis elstaran francan esperantiston, la jam menciitan de Beaufront kiel sian reprezentanton en la komitato. Tamen tiu lasta havis privatan ambicion, verŝajne por pligravigi sian rolon en la movado, enkonduki reformojn en Esperanto, kaj tio, kun diversaj ruzaĵoj de Couturat, same reformema, rezultigis, ke la Delegacio "decidis alpreni Esperanton principe, pro ĝia relativa perfekteco kaj pro la multaj kaj diversaj aplikoj jam ricevitaj de ĝi", sed modifitan laŭ projekto de reformoj, kiu ricevis, pro evidentaj kaŭzoj, la nomon Ido.

Rezulte de tio, la Esperanto-movado efektive skismiĝis. Parto de la esperantistoj transiris al Ido; sed estas interese ke, same kiel en 1894, la granda plimulto restis fidela al Esperanto. Kaj, kvankam la idistoj ĝenis la progreson de Esperanto dum du jardekoj — ĝis Ido formortis pro sia propra malsano, la eterna reformemo, kiu neniam finiĝis — tamen tiu skismo havis ankaŭ gravan bonan flankon. Nome, ĝi liberigis la movadon de la reformemo kaj starigis novan epokon de konservativeco lingva, kiu fortikigis la bastionojn de la movado kaj daŭris unu tutan generacion.

**Tre bedaŭrinde ni rimarkas en nia hodiaŭa movado signojn de simila orgojla kaj nerespondeca reformemo: iuj klopodas eŭropigi la tutmondan lingvon kaj subfosi ĝian aglutinan karakteron; aliaj volas ŝanĝi la ortografion — laŭ diversaj skemoj en si mem kontraŭdiraj, parte por konformigi ĝin al usonaj komputiloj kaj anglalingvaj kriterioj. Espereble ankaŭ nun la esperantistaj amasoj scios ignori tiajn atencojn kontraŭ sia vivanta lingvo.**

**La krizo havis ankaŭ alian sekvon tre gravan: la fondado de Universala Esperanto-Asocio. Ĝis la Ido-krizo, la grupigitaj esperantistoj havis kiel sian preskaŭ solan celon propagandi la lingvon kaj varbi novajn adeptojn. Théophile Rousseau, franco, kaj Hector Hodler, sviso, estis du el la esperantistoj, kiuj pli interesiĝis pri la praktika aplikado de la lingvo kaj ĝia socia rolo.** Jam en 1905 Rousseau klopodis por la apliko de Esperanto en turismo; li propagandis ĉe hotelestroj kaj instigis eldonadon de gvidfolioj kaj gvidlibroj. Kiam eksplodis la idista krizo, Hodler opiniis, ke neniu el ekstere rajtas trudi teoriaĵojn al uzantoj de la lingvo. Pro tio li dissendis, kun Rousseau kaj kelkaj aliaj, cirkuleron al la grupoj, kiu proponis starigon de internacia organizaĵo por servi al la lingvouzantoj. Kerna en tiu koncepto estis nomigo en laŭeble ĉiu urbo kaj vilaĝo de esperantista delegito, aŭ "konsulo" kiel oni tiam nomis ilin, kiu pretus helpi al vojaĝantaj aŭ informserĉantaj esperantistoj. En marto 1908 pli ol cent grupoj aliĝis al la ideo kaj elektis delegiton. En aprilo la Asocio estis fondita, kun organo "Esperanto", kaj nova, praktika esperantismo estis lanĉita.

La funkciado de UEA multe kontribuis al la fakto, ke Esperanto travivis la Unuan Mondmiliton. Ĝia centra oficejo estis en neŭtrala Svislando, kaj tial la oficistoj povis peradi informojn kaj transpagi monon, kiuj estis alivoje baritaj. La nombro de la helpopetoj kaj la plenumitaj servoj estas konsterna. La traktitaj korespondaĵoj (alvenintaj kaj forsenditaj) sumiĝis je pli ol 175,000 dum la daŭro de la milito!

Kvankam, evidente, en tiu terura milito pereis esperantistoj, precipe junaj, kaj mortis Zamenhof mem, la movado rapide restariĝis en ĉiuj landoj. Kaj aperis tuta nova faktoro.

Politika neŭtraleco prave estis kaj restas fundamenta principo de UEA kaj la t.n. "neŭtralaj" esperantistoj. Sed la klaskonscia laboristaro inter la mondmilitoj fariĝis adeptoj de tiu aŭ alia formo de socialismo, kies konata devizo estis "Laboristoj de la mondo unuiĝu!". Tre multaj el ili — komunistoj, socialdemokratoj, anarkiistoj, k.a. — tiris el tio konsekvencan konkludon: kiel la diverslandaj laboristoj povu efike kunlabori sen komuna lingvo? Ili do trovis Esperanton, kaj kreis sian propran internacian organizaĵon, kiu eduku kaj klerigu laboristojn pere de la internacia lingvo. Tiu movado floris, kaj post nur kelkaj jaroj jam havis pli da anoj ol la neŭtrala movado.

Al ĝia frua prosperado multe kontribuis la postrevolucia sinteno de la sovetaj bolŝevikoj. Dum kelkaj jaroj la sovetia registaro vigle kuraĝigis la esperantistojn, konforme al sia tiama linio. Sed ĉirkaŭ 1930, rezulte de la disvolviĝo de Stalinismo, tiu linio (fido je baldaŭa mondrevolucio) estis forlasita. Esperanto estis malpermesita, kaj silentiĝis la sovetiaj esperantistoj dum kvarona jarcento, kaj — post la Dua Mondmilito — en la plimultaj socialismaj landoj okazis same. Nur post la morto de Stalin (kaj la oficiala distanciĝo de liaj krimoj), Esperanto estis iom post iom estis permesita; estas mirinde, ke post tiu jardekojn longa tempo, aperis denove esperantistoj en tiu lando.

Sovetunio ne estis la sola lando, en kiu Esperanto estis malpermesata. Ankaŭ aliaj diktatoraj registaroj — nazia Germanio, imperiisma Japanujo, makartisma Usono, k.a. — proskribis ĝin ĉar ĝi estis por ili "lingvo juda", aŭ "lingvo komunista", aŭ "lingvo kosmopolita": sed fakte pro tio, ke ĝi ne nur malfermas fenestron al eksteraj influoj, sed ankaŭ implicas ideojn pri interhoma frateco, paco, k.s. El tiu fakto, kiel sobre demonstris Lins, la esperantistoj ricevis — ne la unuan fojon, cetere — siajn martirojn.

Tiu ekfloro de Esperanto inter la laboristaro tamen vidis la formuladon de fenomeno vere unika: komplete nova politika filozofio, kiu estus nepensebla se Esperanto ne ekzistus. Ĝi nomiĝas **sennaciismo**. Ĝian unikecon pruvas la fakto, ke en aliaj lingvoj — verŝajne ĉiuj? — ne ekzistas, aŭ almenaŭ ne ekzistis pli frue, ekvivalenta termino.

La sennaciismo efektive radikiĝis en la sama 19-jarcenta humo kiel aliaj filozofioj bazitaj sur konceptoj pri socihistoria evoluo. Ĝi antaŭsupozas, ke

la nacioj estas nur provizora ŝtupo survoje al tuthomara socio, kaj la senmaciistoj estas la avangardo de realigo de tiu koncepto. Ili konsekvence malakceptas ĉion naciecan: landlimojn (ili substituis horzonojn), naciajn lingvojn (ili substituis Esperanton kaj laŭeble insistis uzi ĝin en la ĉiutaga vivio); sed ili insistis ankaŭ pri la klasbatalo, ĉar laŭ la kriterioj de la epoko la socialisma movado estis la portonto de la sennacia mondo.

Evidente, la sennaciistoj neniam estis tre multaj. La laborista organizaĵo nomiĝas Sennacieca Asocio Tutmonda (kaj tio estas trafa nomo, ĉar la Asocio ne estas, kial UEA, federacio de naciaj asocioj, sed kuniĝo de individuoj), kaj ties organo estas **Sennaciulo**; sed la subtileco de la lingvo Esperanto klare diferencas inter sennaciulo kaj sennaciisto. Oni ne antaŭvidas, almenaŭ en la nunaj cirkonstancoj, furoran sukceson por la sennaciismo; sed iasence ĝi estas konsekvenca konkludo el unu faceto de la idealisma Esperanto.

Samepoke la neŭtrala movado trairis serion de organizaj krizoj, kiu kulminis en 1937 per splitiĝo en la asocio kaj la fondiĝo de Internacia Esperanto-Ligo, al kiu aliĝis la plimultaj kaj certe pli aktivaj landaj asocioj. Tamen post la Dua Mondmilito oni atingis unuecon pro la energia organizkapablo de Ivo Lapenna – kiu samtempe iniciatis kampanjon kontraŭ tro multaj verdaj steloj kaj similaj "strangaĵoj": la esperantistoj liberigu sin el aspekto de "stranga sekto eta" (laŭ esprimo de la poeto Kalocsay) kaj eniru la normalan mondon. Lapenna insistis, ke la esperantistoj aliĝu al la reala mondo, kaj uzu la rimedojn de tiu mondo por atingi siajn celojn. Li multon faris por krei senton de direkto en la Esperanto-movado kaj provizi ĝin per adekvata moderna strategio.

Estas klare, ke la kampanjo de Lapenna sukcesis. La movado estas hodiaŭ ĝenerale pli modera en siaj entuziasmoj kaj pli normalaspekta en sia publika prezentiĝo. Ĉu eble pro tio perdiĝis io, precipe io grava, ne estas tiel klare.

La 20a jarcento vidis la naskiĝon de nova politika fenomeno, rezulto de la traŭmo de la terurega unua mondmilito: la klopodo krei supernacian organizaĵon, kies rolo estu certigi la pacon per kunlaboro de la unuopaj registaroj en la kadro de konsilio. Post la unua mondmilito, tiu organizaĵo estis la Ligo de Nacioj, kaj post la dua mondmilito (ĝis hodiaŭ) la Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj. Evidente tiuj organizaĵoj spertas la kostojn kaj malfacilaĵojn de la lingvaj diferencoj. Kiel ili sintenis al la internacia lingvo?

La Ligo de Nacioj efektive okupiĝis pri Esperanto. Jam en ĝia unua kunveno 11 delegitoj starigis proponon favoran al la instruado de tiu lingvo en la lernejoj de la membro-ŝtatoj. Komisiono de la Ligo faris seriozan esploron de la atingoj de Esperanto, kaj Raporto publikiĝis, kiu estis ne nur honesta, sed ankaŭ tre favora al la adopto de Esperanto kiel oficiala lingvo. Ekzemple, pri Esperanta konferenco:

"Ĝis tridek du parolantoj aŭdiĝis en la sama kunveno, kaj dum tri tagoj plenumiĝis kvanto da laboro, kiu eble postulus dek tagojn por plenumiĝi en

ordinara konferenco, kiu uzas plurajn oficialajn lingvojn."

Tiu Raporto havis grandan sukceson, kaj multaj delegitoj pretis voĉdoni por lerneja instruado de Esperanto. Sed al ĉio simila senkompromise oponis la registaro franca: ĝi timis konkurencon inter Esperanto kaj la franca lingvo, kiu estis tiam la prestiĝa lingvo. Multaj el la aliaj nacioj timis ofendi la francojn, kaj tial submetiĝis al ties deziro malsukcesigi la proponojn, malgraŭ propra opinio. La franca prezidanto de la koncerna komisiono argumentis nekredeble analfabete (kvankam private li konfesis sian ambarason pri la trudita tasko):

"La celo de la Ligo estas proksimigi la popolojn, sed ne meĥanike per faciligo de la komunikiloj. Ne pli ol fervojo aŭ telegrafio povos Esperanto alproksimigi la animojn. Tion sukcesas nur la lerno de fremda lingvo, kun ĝia literaturo kaj kulturo. Kontraŭe, la disvastiĝo de artefarita mondlingvo igos la lernon de fremdaj lingvoj nenecesa. Tiam oni ne plu lernos ilin kaj oni perdos tiun alproksimilon de animoj trans la limoj. Tial nia rolo estas instigi lernon de fremdaj lingvoj kaj ne de artefarita."

La franca ministro Berard ne kontentiĝis per tiu rezigno. Li deziris uzi la rifuzon de la komisiono kiel kontraŭpropagandilon, kaj por tio bezonis, ke la Ligo de Nacioj konfirmu ĝin. En tio li ne sukcesis.

Kiam kunsidis la kvara ĝenerala kunveno de la Ligo en septembro 1923, la franca registaro aparte donis instrukciojn al la delegito Jacques Bardoux por utiligi la rezolucion de la intelekta komisiono por definitive elpuŝi Esperanton. Li do prezentis ĝin en la kvina komisiono, sub formo de liga rezolucio rekomendanta la studon de fremdaj lingvoj prefere al lerno de artefarita. Sed alinaciaj delegitoj tuj vigle protestis. Pluraj klarigis al li, ke ili ne volis insisti pri la Esperanto-afero por ne malplaĉi al franca registaro, sed ke ili tute ne povus akcepti ian rezolucion, kiu ŝajnus iel ajn kontraŭ Esperanto, ĉar tiu movado havas tro multajn amikojn en ilia lando. Eĉ la britaj delegitoj avertis lin, ke ili kontraŭbatalus la rezolucion. Tiam Bardoux retiris ĝin, kaj tiel la opinio de la intelekta komisiono estis nek konfirmita nek akceptita de la Ligo mem, kiu restis ĉe la raporto adoptita en 1922 konstatanta per faktoj la valoron de Esperanto kaj ĝian vivan rolon.

Kiel konsolan premion la Ligo tamen akceptis rezolucion, kiu estis la unua interŝtata agnosko de Esperanto kiel uzata lingvo kun oficiala difino pri ĝia rolo en homaj rilatoj:

"La ĝenerala kunveno de Ligo de Nacioj rekomendas, ke la ŝtatoj-membroj de l' Ligo konsentu al Esperanto la traktado kaj tarifojn de lingvo 'klara' en telegrafaj kaj radiotelegrafaj interrilatoj, kiel praktika helpa lingvo de la internaciaj interkomunikoj flanke de la naciaj lingvoj uzataj, kaj atentigas je tiu celo la organizon pri komunikado kaj transito".

Tamen la tuta historio de Esperanto kaj la Ligo bele ekzempligas la signifoplenan fakton, ke unu potenca malamiko de Esperanto sur la ĝusta loko

kapablas nuligi eĉ plej favorajn kondiĉojn por la sukcesigo de la afero.

Post la Dua Mondmilito la nova interŝtata mondorganizaĵo estis kaj restas Unuiĝintaj Nacioj, al kiu sin turnis UEA en 1950 per peticio:

Vere rimarkinda estis la popola subteno de tiu peticio. Subskribis ĝin 895.432 individuoj, kaj 492 organizaĵoj (kun sume 15.454.730 membroj), el 76 landoj.

La peticio estis transdonita al UNO , kiu siavice transdonis ĝin al la Sekretariato de UNESKO (la eduka, scienca kaj kultura organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj). Tiu transdono estis en si mem provo flankenŝovi en neglekton la tutan aferon, sed insistado de la esperantistoj gvidataj de d-ro Ivo Lapenna sukcesis enigi en provizoran projekton de Programo por 1953 kaj 1954 ian ĝeneralan rezolucion, kiu tenis la aferon vivanta. Unesko tamen, kiel kutime en la kazo de Esperanto, utiligis ĉiujn procedurajn eblecojn por malhelpi ĝian pluan evoluon, tamen en la fino de 1952 la svisa delegacio prezentis al la Ĝenerala Konferenco rezolucion, kiu estis akceptita, eĉ se en radike ŝanĝita formo, de la Pleno: kio signifis, ke finfine Unesko estis devigita pritrakti la aferon.

La Oka Sesio de la Ĝenerala Konferenco en Montevideo devis okupiĝi pri du demandoj rilate al Esperanto. Unuflanke UEA petis t.n. konsultajn aranĝojn kun Unesko (kion ĝi cetere ricevis, tamen ne sen batalado), kaj aliflanke Unesko devis pritrakti la peticion, en tiu aŭ alia formo.

La okazaĵoj en Montevideo multrilate havas la ecojn de romano. D-ro Lapenna kaj lokaj esperantistoj mobilizis publikan opinion, starigis imponan Esperanto-ekspozicion (kiu tre favore impresis multajn delegitojn), kaj persone kontaktiĝis kun gravaj personoj. Rezulte, la meksikia delegacio decidis prezenti rezolucion al la Programkomisiono.

La Komisiono pritaktis la rezolucion malfrue en sabata posttagmezo, kiam ĉeestis nur 45 el 72 delegacioj — kaj eĉ la ĉeestantaj tre ofte ne estis reprezentitaj de siaj ĉefoj, sed de neinformitaj subuloj. La prezidanto de la komisiono intence lezis la proceduron: anstataŭ doni la parolon al la proponinto de la rezolucio, kiel estus normale, li transdonis ĝin al kontraŭulo de la rezolucio, prof. Blinkenberg el Danlando. Tiu lasta atakis Esperanton, kaj malseriozigis la etoson per diversaj "spritaĵoj".

Post tiu malrespondeca parolado, d-ro Lapenna, kiel observanto de UEA, ricevis permeson paroli **dum tri minutoj!** Kompreneble, la rezolucio estis rifuzita de granda plimulto da voĉoj.

Feliĉe, d-ro Lapenna ne estis homo, kiu facile lasis sin venki. Per lerta informado al la gazetaro kaj radio, kaj per multaj personaj kontaktiĝoj, la esperantistoj atingis, ke la meksikia delegacio, apogita de Urugvajo kaj kelkaj aliaj, postulis rekonsideron de la projekto de rezolucio en la Pleno, kie ĝi estis akceptita per 30 voĉoj kontraŭ 5, kun 17 sindetenoj. Vera triumfo en nekredeble malfavoraj cirkonstancoj.

En 1965 UEA denove turnis sin al UNO, kun propono, ke "Unuiĝintaj Nacioj solvu la lingvan problemon per efektiva kaj efika helpo al disvastiĝo de la neŭtrala Internacia Lingvo Esperanto, rekomendante ankaŭ al la Ŝtatoj-Membroj progresigi ĝian instruadon kaj stimuli ĝian uzon en la internaciaj rilatoj de la popoloj". La proponon ĉifoje subskribis 930.025 individuoj, kaj 3.851 organizaĵoj kun same ĉ. 73 milionoj da membroj! La propono estis transdonita al la Sekretariato de UNO en 1966, kaj la Sekretariato efike malaperigis ĝin.

Se la historio instruas al ni ion ajn, ĝi instruas jenon: en tiu ĉi mondo Esperanto tre malofte ricevis eĉ minimumon da normala justa traktado. Vere, la Internacia Lingvo devas esti tre potenca, se ĝi estas timata de tiom da personoj kaj instancoj!

Dume Esperanto estas tiu mirinda kaj unika fenomeno: lingvo sen nacio kaj sen aparta hejmlando, lingvo elpensita de unu homo tamen uzata en ĉiuj mondpartoj, lingvo - (Kalocsay denova) —

Ne glora kaj fiera,
Nur ofta, senpotenca, senforta, senmatura,
Svenema kaj senhelpa kaj — eble — senespera,
Sed nobla, blanka, klara kaj senmakule pura.

Kaj havanta jam historion. Histoio implicas kulturon. La kulturhistorio de Esperanto eĉ ne komenciĝis nur en 1887. Ĝi inkluzivas la junecajn aspirojn de Zamenhof; sed krom tio ĝi deriviĝas rekte el tri jarcentoj pli fruaj, dum kiuj multfoje diversaj homoj esploris la lingvoproblemon kaj volis solvi ĝin: Nostradamo, Descartes, Leibnitz, Komenský, Urquhart, Michaelis, Müller, Schleyer — centoj da cerboj el multaj landoj kontribuis sian obolon al la solvado de unu el la plej gravaj malhelpoj al homa progreso: la diverseco de la lingvoj.

Kiom da herooj kaj malherooj liveris al ni la historio de Esperanto! Trompeter, kiu garantiis en kriza momento la eldonadon de "La Esperantisto"; la verkisto Kabe, kies nomo fariĝis radiko esprimanta seniluziiĝon kaj eksiĝon el la movado; De Beaufront, nia Judaso; la junuloj Privat kaj Hodler — Hodler la fondinto de UEA; Lanti, la motoro de la sennaciismo; kaj sennombraj aliaj. Lokoj akiris signifojn videblajn nur al la esperantistoj: Bjalistoko, Bulonjo-sur-Maro, Rickmansworth, Frostavallen, Hamburgo, Rauma, Montevideo, k.a. Kaj kompreneble niaj verkistoj — en la nuna epoko ne imageblas kulturo sen literaturo: Kalocsay, Baghy, Miyamoto, Waringhien, Schwartz, kaj eble la 163 poetoj el 35 landoj de kvin kontinentoj, kies verkoj estas kolektitaj en la nova **Esperanta antologio**.

La historia bazo de esperanta kulturo estas realaĵo, same kiel ĝia literatura bazo estas realaĵo, se la esperantistoj deziras ĝin. Ne nur kontraŭuloj de Esperanto neas la ekziston de tiu kulturo; ne ĉiuj esperantistoj agnoskas ĝin. Tamen la juristo kaj psikologo Helmut Welger starigis la demandon: "Kiel

do venki la reziston simbolan, kaŭzitan de tio, ke oni ne sentas Esperanton kiel reprezentanton de kulturo, de popolo?", kaj interalie respondis ĝin jene:

"La ideo de interkompreniĝo tre aktualas en la nuna tempo de kreskanta militodanĝero kaj pacosopiro. Per si mem ĝi neniel aspektas sekteca, sed tre alloga por multaj homoj. Do, ni povas forigi unu el la ĉefaj obstakloj kontraŭ la Internacia Lingvo, elmontrante ĝiajn idean bazon, disvolviĝantan kulturon kaj portantaron.

"Vi certe jam rimarkis, ke la menciita ideo estas nenio alia ol la t.n. Interna Ideo de Esperanto. Ne lasu impresi vin de la malŝatantoj kaj neantoj de tiu ideo. Ili neglektas la psikologian situacion de la scivolantoj pri Esperanto. Kuraĝe emfazu la Internan Ideon kiel sencon kaj ekzistokialon de Esperanto. Esperanto eĉ pli estas ideo kun Interna Lingvo ol lingvo kun Interna Ideo."

Konfesinde la esperanta kulturo havas unu malfortan flankon; nome, konsekvenca eduka sistemo, kiu flegus ĝin, estas preskaŭ neekzistanta. Nur ie-tie en la mondo troveblas kursoj, en kiuj oni studas la esperantismon je supera nivelo. Malgraŭ tio, la kulturaj konoj de la seriozaj esperantistoj estas rimarkinde homogenaj, en Pekino kaj Tokio ne malpli ol en Londono kaj Madrido, en Budapeŝto kaj Moskvo ne malpli ol en Rio de Janeiro kaj Sanfrancisko. La samaj revuoj estas legataj, la samaj libroj troviĝas sur la bretoj en la plej diversaj hejmoj. La esperantistoj havas komunan korpuson de scioj kaj informoj kaj tradicioj — kaj tia estas la fundamento de ĉiaj kulturoj.

Tre verŝajne la esperanta kulturo daŭre evoluas kaj ŝanĝiĝas, kiel ĉiuj kulturoj. Sed tiel longe, kiel la homoj **deziras kaj celas** intiman kaj **senperan** reciprokan kompreniĝon, tiu kulturo riĉigos kaj stimulos iliajn vivon.

Mi finas per poemo tre trafa en nia Jubilea Jaro. Ĝi ne estas poemo tre konata, kvankam ĝia aŭtoro, Emeriko Branyai, kiu mortis antaŭ 26 jaroj, meritas eĉ pli da atento, ol li ricevis, sed ĝi klare esprimas miajn sentojn en tiu ĉi momento — kaj esperebIe ankaŭ viajn.

Popol' ni estas, ne movado nura,
kaj nia land' la tuta tuta ter'
Standaro nia, de sangverŝoj pura,
portas koloron verdan de l' esper'.

Kaj havas ni heroojn, eĉ martirojn
luktintajn kun malico kaj malkler'.
poetoj propraj sonorigas lirojn
pri amo, paco, justo kaj liber'.

Ĉar kreis nin laŭ sia psika bildo
l' unua homarano, Zamenhof,
ni luktas plu kun senmakula ŝildo
por nova mondo kaj por bona nov'.

Popol' ni estas, ne movado nura.
La religio al ni la kompren'!
La lingvo kara, viva kaj matura
por ĉiuj sin proponas kiel ben'.

Popol' ni estas ĉie en popoloj,
kulturon propran portas per torĉflam'.
Kojniĝis ni en ĉiuj homtavoloj.
Aŭ — tiel estu, se ne estas jam!

Mi deziras el plena koro danki al la hispana esperantistaro pro la granda gastameco montrita al mi kaj al mia edzino okaze de tiu ĉi grava kongreso. Ĝi tute ekzempligas la spiriton kaj la realecon de nia ideo kun Interna Lingvo.

---

## ANKORAŬ UNU TRANSBAPTO DE GENTO: LA KOLOMBIANOJ FARIĜAS KOLUMBOJ!

---

BERNARD GOLDEN

En pamfleteca publikaĵo titolita "Reeĥoj pri la artikolo ORTOGRAFIO DE PROPRAJ NOMOJ" (**Horizonto de Soveta Litovio**, kajeroj 5, 6 kaj 7) la Redakcio de HSL provas defendi nociojn pri la ortografio de propraj nomoj en Esperantaj kuntekstoj kaj ankaŭ pri la landnoma nomenklaturo en Esperanto. La esenco de la diskuto temas pri propono uzi kiel indikilon de lando nur "—io" kaj "—lando"; oni volas tute forigi aŭ arkaikigi "—uj". La redakcianoj de la litova revuo, serĉante reguligon de la "jam tedinta problemo" de sistemigo de landnomoj en Esperanto, kunmetis diversajn komentojn kaj kritikojn pri la citita artikolo, sed estas klare, ke la vera celo de la aŭtoroj de la sespaĝa reeĥado" estas firme apogi la vidpunktojn de la verkinto de la artikolo en HSL. Ili insistas pri la uzo de sensufiksaj Esperantaj nomoj de gentoj kaj kreas plurajn novajn nomojn de popoloj, inter kiuj svarmas aŭstraloj, braziloj, zairoj k.s.

En mia rebat-artikolo kontraŭ la misaĵoj en la rezonado de la aŭtoro de la pridiskutita artikolo, mi montris, ke se oni analizas landnomojn laŭ la etnografia teorio de la "litova skolo", en la sudamerika lando Kolombio loĝas kolomboj! Ĉiuj, ankaŭ la Redakcio de HSL, scias, ke tio ne estas vera. Tamen, ĉar ili rifuzas akcepti la vortformon "kolombianoj", la ĝustan nomon

de la loĝantoj de Kolombio, kaj ĉar "kolomboj" kaŭzas iom da embaraso, ili elpensis manieron malhelpi la miskomprenon, ke la loĝantoj estas birdoj. Atencante la suverenecon de Kolombio, ili, sen peto aŭ permeso, transbaptas la popolon kolumboj! Per "nur korekto de unu litero", la HSL-anoj modifas la nomon de sendependa lando kun 24.000.000 loĝantoj. Per tiu "korekto" ili aŭdace ŝanĝas ankaŭ la historion de la lando, kaj impertinente opinias, ke tiu trudita nova nomo estas "honora", ĉar tiel videblas, ke la popolo estas "pranepoj de Kolumbo".

Tiu facilanima traktado de gent- kaj landnomo memorigas min pri simila mispaŝo de A. Albault, la prezidanto de la Akademio de Esperanto, kiu surbaze de simile perfortita rezonado, donis al la portugaloj novan nomon — portugoj! Ĉu la Redakcio de HSL ne scias, ke oni ne povas tuŝe-fuŝe ŝanĝi unu elementon de tradicia lingvouzo sen kaŭzi perturbojn aliloke en la sistemo? Ni uzu la ekzemplon de la transŝanĝo de Kolombio al Kolumbio por montri, kiel la adeptoj de la litova skolo de esperantologio falas en neelireblan abismon.

En la angleparolantaj landoj Usono kaj Kanado estas uzata por loknomoj **Columbia**. Almenaŭ ses urboj en Usono portas tiun nomon, krom la **District of Columbia**, kie situas la ĉefurbo Ŭaŝingtono, kaj ankaŭ granda universitato en la urbo Nov-Jorko. Plue, **Columbia** estas la nomo de arkta kabo, usona altebenaĵo kaj rivero. En Kanado ĝi aperas kiel la nomo de la sama rivero, kaj ankaŭ monto kaj provinco (**British Columbia**). La Esperanta formo de **Columbia** en pluraj konsultlibroj estas Kolumbio. Mi scivolas, kiel la HSL-anoj nomas la usonajn urbanojn kaj la kanadajn provincanojn — ĉu kolumbianojn, aŭ ĉu ankaŭ ili estos kolumboj, pranepoj kaj kuzoj de la sudamerikaj kolumboj?

Ni ankoraŭ ne povas halti. En Meksiko kaj Brazilo estas urboj kun la nomo **Colombia** kaj **Colômbia** respektive. Laŭ la litova skolo la verda etnografio, iliaj loĝantoj estas frataj kolumboj. Krom **Columbia**, la nomo **Columbus** estas uzata por nomi lokojn, ne malpli ol ok urbojn en Usono kaj ankaŭ en la pasinteco la insulojn, kiuj hodiaŭ estas konataj kiel Galapagoj. Ili estas esperantigitaj same kiel la familia nomo de la malkovrinto de Ameriko, Kolumbo. Kiel, do, volas la Redakcio de HSL nomi la loĝantojn — kolumboj aŭ kolumbanoj? Kiel povas kolumbo esti en unu parto de la mondo la nomo de homo apartenanta al certa gento, kaj en alia parto la nomo de urbo? Por fini, mi donas al la litovaj redakcianoj hejmtaskon por iomete ŝvitigi iliajn kapojn: klarigu la nomon Kolombo, kiu estas la ĉefurbo de Srilanko, kaj nomu ĝiajn loĝantojn.

Estas ja evidente, ke la Redakcio de HSL ne havis en siaj manoj la legendan ovon de Kolumbo, kiam ili komencis meti ordon en la land- kaj gentnoma nomenklaturo de Esperanto. Post kovado, el ilia ovo venis ne bela, blanka kolombeto, sed naŭza, nigra kolumbaĉo!

# La 47a Hispana Kongreso de Esperanto en Madrido aprobis la jenajn rezoluciojn

a) Konsiderante la maturecon de la Internacia Lingvo Esperanto, okaze de ĝia CENTJARIĜO

b) Konstatante, ke estas urĝe solvi la problemon de komuna lingva komunikilo por la homaj interrilatoj inter la popoloj kaj por la funkciado de la Internaciaj Organizaĵoj.

c) Atentigas la esperantistaron pri tio ke:

1e, Pli kaj pli la Internacia LIngvo Esperanto estas uzata en naciaj institucioj ne esperantistaj: Sciencaj, Turismaj, Politikaj kaj Religiaj.

2e, Pli kaj pli la Internacia Lingvo Esperanto estas apogata kaj agnoskata de internaciaj organizaĵoj ne esperantistaj kiel: UNESKO, Monda Turisma Organizaĵo, Eŭropa Komunaĵo, Eŭropa Parlamento, ktp. ktp.

3e, Enfazas, la neceson ke ĉiuj Esperanto-Asocioj daŭrigu la demarŝojn, kontaktojn kaj kunlaboradon en landaj kaj internaciaj Organizoj, por pli intensa uzado de Esperanto.

4e, Danki, la landajn kaj lokajn instituciojn kaj aŭtoritatulojn, pro ilia malavara sinteno rilate la 47an Hispanan Kongreson de Esperanto.

**Madrido 20an de Aprilo 1987**

# HEF – SIDEJO EN BARCELONO

**NOVAJ MEMBROJ:**

PLIA DUMVIVA MEMBRO: Pepita Criach de Gaspary.

**NOVAJ DELEGITOJ EN LA HEF-ESTRARO**

Nome de: GALEGA ESPERANTO–ASOCIO. s-ro Antono Alonso Núñez.
ANDALUZIA ESPERANTO–UNUIĜO. s-ro Julio Herrero Segura.
Madridaj Esperanto–Organizoj. s-ro José María González Aboin.

Oni atentigas la esperantistaron de la aŭtonomaj komunumoj kiuj ankoraŭ ne elektis sian Delegiton, ke ili decidu kiel eble plej baldaŭ.

La HEF-estraro atendas la decidon de KANTABRA ESPERANTO ASOCIO, DE GRUPO ESPERANTISTA DE BILBAO, kaj de la esperantistaro de la aŭtonomaj komunumoj el: Murcio, Kanariaj Insuloj, Kastilio la Manĉa, Estremaduro, L Rioja, Navaro, kaj Balearoj.

# JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO

Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tôkyô-to, 162 - Japanio / tel. Tôkyô [illegible] 4681
poŝta ĝirkonto: Tôkyô 3-11325 / bankkonto: 1150684 Dai-Ichi K[illegible] Bank Waseda

財団法人 日本エスペラント学会 162 東京都新宿区早稲田町12-3／電話：東京 (03) 203 [illegible]（代表）
郵便振替口座：東京 3-11325／銀行口座：第一勧業銀行 [illegible] 1150684


YAMATO Sinziro
por la koresponda servo
de JEI
1987.5.20

al: KSM
: Landaj Asocioj

Mi anticipe dankas vin por nia kunlaboro.
Ni JEI nun planas novan sistemon de koresponda servo per komputila procedo. La sistemo baldaŭ naskiĝos.

Same kiel en via lando, ankaŭ en nia lando okazos granda kongreso de Esperantistoj por 100 jara jubileo de Esp. en aŭgusto. En tiu okazo ni deziras malfermi la novan sistemon de koresponda servo kun multo da leteroj de petantoj el via lando. Do, ni petas vin propagandi nian intencon al viaj membroj. Se vi havas stokon de tiuj leteroj, ni volonte akceptos ilin. TAMEN,Bv.ATENTI jenajn aferojn.

1. Sendu po unu letero aŭ karto por unu homo. Ni ne ŝatas ricevi liston de petantoj.
2. Ni bezonas 2 Internacia-Respondo-kuponojn por unu peto (por unu homo), sed se via lando ne vendas ĝin, vi rajtas sendi peton sen kupono.
3. Almenaŭ sian nomon kaj adreson skribu per tajpilo. Ni ofte ne povas legi nek kompreni manskribitajn literojn,precipe propran substantivon.
4. Sin-prezenton bv. skribi.
   nomo/adreso/landonomo/sekso/aĝo/fako aŭ profesio(en 30 literoj)/koresponda temo(en 30 literoj)
5. Kondiĉoj de japano,se petanto havus.
   sekso/aĝo/
6. Post nia akcepto de via letero,ĝi vivos dum unu jaro en la komputilo, kaj atendos ŝancon renkontiĝi kun taŭga petanto de japano. Post 1 jaro, la leteroj,kiuj ne renkontos leteramikon,bedaŭrinde mortos kaj forĵetiĝos.

Mi ripetas. Danko al viaj kunlaboroj ni deziras plivigligi nian korespondadon okaze de 100 jara jubileo de [illegible]p) en tiu ĉi aŭgusto.

*Dankon.*

YAMATO Sinziro
por la koresponda servo
de
J E I